# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ



OBSAH — ENHAVO:



1907 ÚNOR—FEBRUARO I. 2.

**Organo de bohemaj Esperantistoj**

# Časopis Českých Esperantistů

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu:

Praha II., 313. Karlovo náměstí.

(Poštovní známky všech států přijímají se v plné ceně.)

Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.

Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso:

Praha II. 313. Karlovo náměstí (Bohemujo-Aŭstrio).

(Poŝtmarkoj de ĉiuj ŝtatoj estas akceptataj plenvalore.)

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskriptojn por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

*** ***

**Avizo:** Nia redakcio jus eldonis duan serion de novaj propagandaj poŝtkartoj, presitaj sur glata, blanka papero; sur duono de ilia adresflanko estas malgrandigita la bildo, kiu ornamas nian revuon, la alia flanko estas rezervita por la sciigoj.

Prezo (afrankite) de ĉi tiuj poŝtkartoj estas: 10 ekz. 15 hel., 25 ekz. 30 hel., 50 ekz. 60 hel., 100 ekz. K 1·15 (Pagu per poŝtmarkoj).

Esperantajn gazetojn ni petas pri afabla interŝanĝo; atentigo: bohema č = ĉ esp.! S-o Dr. Philliphet: Abonpago estas akceptata direkte (poŝtmarkoj). S-o Touchebeuf: Pardonu, tre baldaŭ daŭrigo. S-o Meyer I. C.: Dankon por interesa gazeto; ĉu Vi bonvolus doni al mi adresojn de bohemaj I. C. - anoj? S-o. Procházka: Duonjaran kotizaĵon ni donis al kasisto de klubo. S-o Teplý: Koran dankon

Al ĉiuj: Ni ne dubas, ke surprizas niajn abonantojn ŝanĝo de formato de nia gazeto; la diferenco ne estos rimarkebla post la bindigo de tuta jarkolekto; kaj tial, ni esperas, ili preferos ĉi tiun formaton, kiu cetere estis de ni projektita jam por la unua numero; nun la ŝanĝo de presejo precipe tion kaŭzis.

---

Tutmonda Esperantista Poŝkalendaro por la jaro 1908a. En la fino de tiu ĉi jaro eldonos la firmo Möller & Borel en Berlin poŝkalendaron, kiu enhavos en praktika kaj oportuna formaton materialon interesan por Esperantisto, sciigojn internaciajn: adresojn, tabelojn k. t. p. Proponojn kaj dezirojn volonte akceptos kaj laŭ ebleco plenumos redaktoro de kalendaro S-o J. Schröder en Wien VII. Kaiserstr. 10. Anoncoj estas akceptataj jam nun ĉe Esperanto-Verlag, Berlin S., Prinzenstr. 95.

*Al la redaktoro de la gazeto*
*„Časopis Českých Esperantistů“*
*Praha II.*

*Kara sinjoro! Mi ricevis kun plezuro la n^ro^ 1. de Via gazeto „Časopis Českých Esperantistů“ kaj mi deziras al Vi la plej bonan sukceson. Mi esperas, ke Via gazeto kunigos ĉiujn niajn bohemajn amikojn kaj forte puŝos antaŭen nian aferon en Bohemujo.*

*Via*
*L. Zamenhof.*

*Výstavní výbor*
*Českého oddělení rakouské výstavy v Londýně Earl's Court 1906*
*pod protektorátem*
*rady městské královského hlavního města Prahy*
*vyslovuje tímto*

**ČESTNÉ UZNÁNÍ**

*ct. Klubu Esperantistů v Praze*
*za vykonané platné služby*
*na české výstavě v Londýně 1906*
*Čestní předsedové:*

Dr. Hrabě Lützow — Dr. Vladimír Srb

*Za výkonné komité:*

Dr. Luboš Jeřábek, *místopředseda* — J. Koula, *předseda* — Dr. A. Sum, *sekretář*

*Traduko*:

Ekspozicia komitato de bohema sekcio
en aŭstria ekspozicio, London, Earl's Court 1906,
sub la protektorato
de urbestraro de reĝa ĉefurbo Praha
esprimas per ĉi tio

**HONORAN ATESTON**

al p. t. Esperantista Klubo en Praha
pri valoraj servoj prezentitaj al bohema ekspozicio en London 1906.

Honoraj prezidantoj:

Grafo Dr. *Lützow.* Dr. *Vladimír Srb.*

Por labora komitato:

Dr. *Luboš Jeřábek,* vicprezidanto. *J. Koula,* prezidanto. Dr. *A. Sum,* sekretario.

# La propaganda problemo solvita.

Prepari la vojon por enkonduko de nia lingvo estis laboro nemalgranda, ĉar la propagandantoj ne posedis verketon malkaran, kiu povis montri facilan ellerneblecon de la lingvo, ĝian simplecon, kaj riĉecon samtempe. Grandaj gramatikoj kaj detalaj vortaroj ne taŭgas por tia celo, ĉar, parolante pri simpleco de Esperanto, ni certe ne povas apogi niajn vortojn per centfoliaj lernolibroj; ĵus tio, ke la fundamentoj de nia lingvo ampleksas apenaŭ kelkajn paĝojn, estas ĝia ŝatinda kaj mirinda eco; tial malkara, sed riĉhava flugfolio aŭ broŝureto certe estos pli preferinda. — Hodiaŭ povas ĉiuj samideanoj ĝoje bonveni la solvon de tiu ĉi grava problemo: E. Ĉefeĉ (London S W., Streatham, 45. Christchurch Road) eldonis serion de belaj broŝuretoj — ŝlosiloj — kiuj mirinde plenumas la rolon de propagandiloj, parolante silentan lingvon, sed mutigante ĉiun kontraŭopinian argumentadon. Homo spirite sana devas konfesi post la supraja tralego de la libreto, ke Volapük ne toleras komparon kun Esperanto kaj devas konstati la evidentan superecon de ĉi tiu rilate la ceterajn provojn de lingvo artefarita. Ĉu la kvingrama presaĵo ne detruos la falsan konvinkon, ke por lernado de nova lingvo estas bezone tralegi senfinajn gramatikojn kaj vortarojn, sen kia laboro efektive ne estas eble studi lingvon vivan?

Propagandaj artikoloj, presitaj en naciaj gazetoj, ofte ne alportas tian utilon, kian ili meritus, ĉar la legantoj (kiuj dediĉas la tempon al tralego de la artikolo!) ofte forgesas ĝin kaj ne zorgas plu pri la afero; certe granda procento da ili eĉ ekridetas kun suspekta antaŭjuĝo neŝanĝita. Ili ne havis okazon esplori la lingvon, ili legis nur pri Esperanto sed ne la lingvon mem. Ekzistas en la mondo multaj skeptikuloj, kiuj deziras esplori, ekprovi kaj fari mem sian propran juĝon kaj kiuj tre malŝatas la altrudon de fremda opinio, precipe se ĝi venas de iu entuziasmita apostolo de Esperanto. Jen estas la momento, kiam montriĝas, ke ŝlosilo taŭgas pli bone ol longaj nacilingvaj artikoloj pri la lingvo, ĉar la sola vido kaj trarigardo de la broŝureto nepre postlasos la senton, ke Esperanto estas la vera solvilo de granda problemo: krei lingvon internacian. Ĝi estas konvinkilo, kiu rondiros kaj fariĝos objekto de diskutoj inter amikoj kaj konatuloj. La homoj, konservante la broŝureton, estas instigataj provi praktike kaj ekstudi la lingvon, se ili trovas okazon legi tekston esperantan, por kies traduko ĉiam la ŝlosilo sufiĉas; ĝi enhavas ja sur 24 paĝoj (7 × 10 cm) krom literaturaj anoncoj: gramatikajn regulojn kun ekzemploj (afiksojn, vortfaradon k. t. p.), ekzercojn kaj vortaron enhavantan 1800 vortojn (inter ili ĉiujn fundamentajn radikojn).

La ŝlosiloj estos eldonitaj en ĉiuj lingvoj: pretaj estas jam la angla, franca, germana, hispana, itala, kaj sveda; sekvos laŭvice la rusa, portugala, bohema k. t. p. Ĉi tiuj malgrandaj libretoj, riceveblaj po 5 ctm, servas eĉ en aliaj pli malsimplaj okazoj: por korespondado kun alilandulo, kies lingvon ni ne scias. Estante tre malpezaj, ili povas esti enmetitaj en leteron sen kaŭzigi pligrandigon de afranko. Ili estas la efektivigo de tio, kion diras Dr. Zamenhof en sia unua libro de Esperanto:

Se vi deziras skribi, ekzemple, al iu Hispano Madridon, sed nek vi scias lian lingvon, nek li vian, kaj vi dubas, ĉu li scias la lingvon internacian aŭ ĉu li eĉ aŭdis pri ĝi, — vi povas tamen kuraĝe skribi al li, kun la plena certeco, ke li vin komprenos.

Ĉar, dank' al la dismembra konstruo de la lingvo internacia, la tuta vortaro, kiu estas necesa por la ordinara vivo, okupas, kiel oni vidas el la almetita ekzemplero, ne pli ol malgrandan folieton, eniras oportune en la plej malgrandan koverton kaj povas esti ricevata por kelke da centimoj en kia ajn lingvo, — tial vi bezonas nur skribi leteron en la lingvo internacia, enmeti en la leteron hispanan ekzempleron de la vortareto, — kaj la adresito vin jam komprenos, ĉar tiu ĉi vortareto ne sole prezentas oportunan plenan ŝlosilon por la letero, sed ĝi mem jam klarigas sian difinon kaj manieron de uzado.

Dank' al la plej vasta reciproka kunigebleco de la vortoj, oni povas per helpo de tiu ĉi malgranda vortaro esprimi ĉion, kio estas necesa en la ordinaria vivo.

Tion diris Zamenhof pri folieto enhavanta nur 900 radikojn. La ŝlosiloj servas ankoraŭ pli bone sian celon, ĉar ili enhavas ne sole vortaron necesan por la ordinara vivo, sed pli ol 1800 radikojn kaj 8 paĝojn da gramatikaj klarigoj, efektive la plenan gramatikon kaj praktike la tutan Universalan Vortaron. Multajn Esperantistojn, kiuj provis forsendi similajn leterojn, surprizis ne sole la bona kompreno de ilia letero esperanta, sed respondoj esperante skribitaj de tiuj homoj, kiuj kelkajn tagojn antaŭ la ricevo de ŝlosilo neniam aŭdis pri la lingvo!

Eldoninto de la ŝlosilo rimarkis, ke ĝia malgranda, preskaŭ sensignifa prezo fermas antaŭ ĝi la pordojn de librovendejoj · sciante tamen bone, ke ĵus tie multaj varbindaj studemuloj kaj legemuloj instruiĝas pri novaĵoj literaturaj, li preparis pli grandajn ŝlosilojn propagandajn po 10 ctm, kiujn li eldonis jam en lingvoj angla, franca kaj germana. Novaj, en lingvoj ceteraj, baldaŭ eliros. Ĉi tiu pli granda libreto estas titolita (nacilingve): „La lingvo Esperanto kaj la rimedo lerni ĝin sen lecionoj per la legado de malgranda rakonto“; ĝi enhavas la tutan 5-centiman ŝlosilon, okpaĝan fabelon de Andersen „La malbela anasido“ kaj kvar paĝojn da klarigaj notoj. La prezo de kartona skatoleto kun 100 ekz. kaj reklamaj afiŝoj estas 7 Fr.

Ĝis hodiaŭ oni disvendis preskaŭ 300.000 da diversaj ŝlosiloj; tial kelkaj el ili bezonis jam novajn eldonojn.

El ceteraj entreprenoj propagandaj, kiujn sukcese enkondukis en praktikan uzadon aŭtoro de ŝlosiloj, oni devas citi ankaŭ la jenajn: poŝtkartoj kaj kovertoj por internacia uzo, kun sesliniaj nacilingvaj tekstoj celantaj ĝustigi la opinion malfavoran al nia lingvo; „Dek devoj de bona Esperantisto“, afiŝo por kunvenejoj; la esperantista signo, verda steleto, k. t. p.

Rilatante kun la tuta mondo, S-o Ĉefeĉ kaptis bonan ideon pri faciligo de aĉeto kaj pagado de internacia komercaĵo (libroj, gazetoj k. s.). Ĝis la apero de nova tutmonda poŝtmarko li akceptas je plena kursvaloro la poŝtsignojn de ĉiuj landoj; tiukaŭze li jam petis la ĉefajn librovendistojn kaj eldonistojn, ke ili akceptadu la fremdajn poŝtmarkojn plenvalore, ĉar li poste elŝanĝos ilin sen rabato por aliaj. Ĉar li estas en konstanta mona rilato kun ili, ne ekzistas kaŭzo por rifuzo.

Ankaŭ niaj legantoj povos laŭ aldonita tabelo informiĝi pri maniero, kiel uzi niajn poŝtmarkojn por „pagi internacie“.

| | | | Frankoj |
|---|---|---|---|
| **Argentina** rep. | 1 peso | 100 centavos | **3.80** |
| **Aŭstrio** | 1 krono | 100 heleroj | **1.04** |
| **Bolivio** . | 1 boliviano | 100 centavos | **2.15** |
| **Brazilio** . | 1 milreis | 1000 reis | **1.60** |
| **Ĉilio** . . | 1 peso | 100 centavos | **1.40** |
| **Finnlando** . | 1 markka | 100 penniä | **1.00** |
| **Francujo** . | 1 franc | 100 centimes | **1.00** |
| **Germanujo** | 1 mark | 100 pfennig | **1.23** |
| **Gr. Britujo** | 1 shilling | 12 pence | **1.25** |
| **Hispanujo** | 1 peseta | 100 centimes | **0.91** |
| **Hungarujo** | 1 krone | 100 filler | **1.04** |
| **Holando** | 1 gulden | 100 cents | **2.07** |
| **Indio**. . . | 1 rupee | 16 annas | **1.66** |
| **Japanujo** . | 1 yen | 100 sen | **2.53** |
| **Kanado** , | 1 dollar | 100 cents | **5.15** |
| **Meksiko** . | 1 peso | 100 centavos | **2.55** |
| **Paraguajo** | 1 peso | 100 centavos | **0.45** |
| **Peruo** . | 1 sol | 100 centavos | **5.00** |
| **Portugalujo** | 1 milreis | 1000 reis | **5.40** |
| **Rusujo** . | 1 rubl | 100 kopejki | **2.65** |
| **Svedujo** . | 1 krona | 100 öre | **1.37** |
| **Turkujo** . | 10 piastres | 400 para | **2.28** |
| **Unuig. Ŝtatoj** | 1 dollar | 100 cents | **5.15** |
| **Uruguajo** | 1 peso | 100 centavos | **5.00** |
| **Venezuelo** | 1 bolivar | 100 centavos | **1.00** |

Belgujo, Bulgarujo (100 stotinki), Grekujo (100 lepka), Italujo, Rumanujo (100 bani), Serbujo (100 para), Svisujo same kiel Francujo.
Dannjo, Norvegujo same kiel Svedujo.

*Heřman Alferi*:

## Instruistoj kaj Esperanto.

Vastiĝanta principo de internaciismo jam trovis ankaŭ taŭgan karakterizon kaj rimedon en surprizanta eltrovo de neŭtrala tutmonda lingvo Esperanto. Tasko de tiu ĉi rimedo estas plenumi socialan proceson multe pli mirindan ol estas tiu, kiun plenumis misio kaj signifo de grandaj lingvoj tutmondaj, franca, angla, germana kaj rusa. Hodiaŭ estas jam klara la signifo kaj la rolo de Esperanto: ĝi devas fariĝi kaj ĝi ankaŭ fariĝos neevitebla bezonaĵo por *ĉiu homo* de kiu ajn nacio kaj ĝi helpos tiel la koncian kaj *racian centralizon* de ĉiuj fakoj kaj tendencoj de sociala vivo, precipe ankaŭ la fundamentan *indigon de etika kaj sociala kulturo*.

Pedagogia signifo de Esperanto estas jam klara por moderna instruisto; ĉi tiu bonega lingvo trovas en li sindoneman pioniron. Sur unua loko estas citinda la instruistaro franca. Sed ankaŭ alie trovas la signifo de Esperanto taŭgan ŝaton. Landaj asocioj instruistaj kaj iliaj federacioj kaj ligoj ĉiam pli atente sekvas Esperanton, kiel oni vidas laŭ iliaj oficialaj publikaĵoj. Ekzemple la Landa Centra Asocio de Instruistaj Unuiĝoj en la regno Bohemujo enmetis tre valoran artikolon de samideano J. Krumpholc „pri signifo de Esperanto por moderna instruisto“ en libron: Kondukanto de organizita instruisto, presita kaj disvendita en dek mil ekzempleroj; ĝi alportis artikolojn kaj raportojn pri Esperanto en gazetoj instruistaj „Český Učitel“ kaj „Česká Škola“, en tre disvastigita poŝlibreta kalendaro instruista, ĝi eldonis libron „Mezinárodní výchova a vyučování“ (Internacia edukado kaj instruado) kaj ĝi aliĝis jam ankaŭ al Delegacio por alpreno de helpa lingvo internacia.

Simile okazas — kiom mi scias — precipe en Belgujo (vidu Journal des Instituteurs, Instituteur Belge), en Norvegujo (Norsk Skoletidente), en Hungarujo (Nemzeti Iskola) kaj alie. Foliumante la adresarojn de Zamenhof aŭ la nomarojn de membroj en diversaj societoj esperantaj, ni ĉie renkontas serion da nomoj de instruistoj precipe el popolaj lernejoj (unuagradaj, naciaj, elementaj). Multaj instruistoj estas aŭtoroj de bonegaj esperantaj lernolibroj kaj verkoj (ekz. en Bohemujo kaj Moravio J. F. Khun, Th. Čejka, Jos. Krumpholc, Antonio L. Villanueva el Murcia, Nils Økland el Skaare, Norvegujo, Eug. Mathys filo el Louvain, Belgujo k. t. p.).

Sed tiu ĉi penado estas kaj estis ĝis nun sole la kolektado de fortetoj kaj fortoj, kiujn oni devas kunfandi kaj unuigi en fortan fluegon. Ĝi estas forlaso de epoko evolucia, de komencaj preparoj kaj transiro al programo de konscia kaj pripensita agado, kiu faros la disvastigon kaj akcepton de tiu ĉi lingvo universa inter tutmonda instruistaro.

Precipe la instruistojn bohemajn instigas la koro zorgi pri la propagando de Esperanto sur forumo de instruistaro tutmonda — en „Internacia komitato por instruistaj federacioj“, kies prezidanto estas S-o Ch. Rossignol, direktoro en Tournai (Belgujo) kaj sekretario S-o P. Cnudde, instruisto en Syngem (Belgujo).

Tiu ĉi asocio estas internacia unuiĝo de instruistaro elementlerneja; ĝi estis fondita de „Internacia kongreso de unuagrada instruado en Liège 1905.“ Ĝi enhavas jam definitive delegitajn reprezentantojn el 12 regnoj kaj landoj, kiuj reprezentas centmilojn da instruistoj organizitaj. Jam en la unua kunveno en München (1906) bohema delegito S-o J. F. Khun varme rekomendis Espe-

ranton kaj promesis trakti pri ĝia signifo kaj disvastiĝo ĉe okazo de proksima kunveno (Paris 1907. 19. V.)*)

Instruistoj el ĉiuj landoj devus apogi ĉi tiun agadon per sendado de esprimoj pri konsento laŭ adreso de bohema delegito (Vrsce — Kopidlno) kiu volas interpreti ilin en la nomita kunveno.

(Daŭrigo.)

# Kroniko nacia.

**PRAHA.** „Klub Esperantistů v Praze“ konal valnou hromadu dne 6. února t. r. ve spolkových místnostech restaurace „U Donátů“. Výsledek činnosti klubovní za rok minulý jest velmi uspokojivý: pořádáním přednášek, kursů vyučovacích a týdenních členských schůzí staral se výbor o dosažení cíle vytčeného — propagování známosti o Esperantu, stejně jako o získávání nových stoupenců. Ve svém středu vítal klub vážené hosty z českého i cizího světa esperantského; byli to pp. Balík, Čejka, Kajš, Khun, Krumpholc, Moravec, Simon, Steier a Richter. Na cestě z kongresu ženevského zavítal do Prahy Švéd Dr. Krikortz s chotí. Po návrhu výboru zvolen jednohlasně „Časopis Českých Esperantistů“ orgánem klubu. Knihovna čítá 213 svazků knih a 32 revuí esperantských.

Ku konci schůze provedeny volby, při nichž zvoleni: Ing. Jan Hofmann předsedou, členy výboru: Fr. Bartoš, Jos. Barvíř, V. Čánský, O. Davídek, B. Fugar, J. B. Novák a J. Vohnout. (Adresa klubu: Praha II., 1970. S-o Bartoš, sekretario.)

**PRAHA.** Esperantista Klubo en Praha aranĝis la 6-an februaron 1907 ĝeneralan kunvenon en la kluba ĉambro de restoracio „U Donátů“. La agado de klubo dum la pasinta jaro estis tre vigla: koneco pri Esperanto estis disvastigata per paroladoj, kursoj kaj membraj kunvenoj. En sia centro bonvenis la klubo gastojn bohemajn kaj fremdajn: s-ojn Balík, Čejka, Kajš, Khun, Krumpholc, Moravec, Simon, Steier kaj Richter. Post la dua kongreso vizitis la klubon gesinjoroj Dr. Krikortz el Stockholm. Laŭ propono de la komitato estis elektita la gazeto „Časopis Českých Esperantistů“ organo de la klubo. La biblioteko enhavas 213 librojn kaj 32 esperantajn revuojn.

Membroj de la komitato estis elektitaj: Ing. Jan Hofmann (prezidanto), Fr. Bartoš, Jos. Barvíř, V. Čánský, O. Davídek, B. Fugar, J. B. Novák kaj J. Vohnout. (Nova adreso de la klubo: Praha II. 1970. S-o Bartoš, sekretario.)

---

*) Ĉiuj instruistaj kaj pedagogiaj societoj de la tuta mondo estos invitotaj.

**PLZEŇ.** Valná hromada odboru Esperantistů v Plzni konala se dne 23. února t. r. — Vedle jmenovaného odboru propaguje naší myšlenku v Plzni kroužek přátel „Svornost“, který pořádal během uplynulého roku několik četně navštívených zábav, jichž účastnili se Esperantisté nejen plzeňští, ale i z okolí. Návštěvou zavítali k nim stoupenci z Prahy a z Pacova. Kroužek, čítající přes 40 členů, má ve svém čele neunavného pracovníka p. X. Kutílka, jenž udílí pokyny, jak v přednáškách, tak i písemně přespolním přívržencům. Nepochybujeme, že obětavá jeho činnost platně pomůže rozšíření znalosti Esperanta.

**PLZEŇ.** Ĝenerala kunveno de grupo esperantista okazis la 23-an februaron 1907. — Krom tiu ĉi grupo propagandas nian ideon en Plzeň amika rondeto „Svornost“, kiu aranĝis dum la pasinta jaro kelke da sukcesaj amuzadoj, ĉe kiuj ĉeestis ankaŭ Esperantistoj el Praha kaj Passau. La rondeto, havanta pli ol 40 membrojn, estas gvidata de s-o X. Kutílek, kiu instruas per paroladoj kaj per leteroj nian lingvon. Ni ne dubas, ke lia sindonema agado estos ŝatinda helpilo por diskonigi Esperanton.

**Č. BUDĚJOVICE.** Odbor Esperantistů pořádal dne 1. února t. r. valnou hromadu (Jirovcova ul., hostinec V. Dvořáka), na níž zvoleni: Frant. Svačina předsedou, do výboru: Alois Houska, Josef Stejskal, Karel Fencl, Jan Popela. Orgánem odboru zvolen „Časopis Českých Esperantistů“. Během roku 1906 pořádal odbor tři kursy (dva z nich pro začátečníky) v místnostech české chlapecké školy měšťanské; kursy, vedené předsedou p. Svačinou, navštěvovány byly zejména studujícími reálky a gymnasia. — Po vyčerpání programu valné hromady přednášel předseda „O významu Esperanta“, poukázav zvláště na články o českém národě, jím uveřejněné v posledním ročníku ill. měsíčníku esperantského „Tra la Mondo“.

**Č. BUDĚJOVICE.** Esperantista Grupo havis la 1-an februaron ĝeneralan kunvenon; en la komitaton estis elektitaj s-oj: F. Svačina prezidanto, s-o A. Houska, J. Stejskal, K. Fencl, J. Popela membroj de komitato. Gazeto „Časopis Českých Esperantistů“ estis akceptita kiel oficiala organo. La grupo aranĝis dum la jaro 1906 tri kursojn en burĝa lernejo, kondukatajn de s-o Svačina, ĉe kiuj partoprenis precipe studentoj de gimnazio kaj de reala lernejo. — Post la programo parolis la prezidanto pri signifo de Esperanto, citante ankaŭ la artikolojn traktantajn pri bohema nacio, kiujn li publikigis en ilustrita revuo „Tra la Mondo“.

**NÁCHOD.** Nový odbor klubu českých Esperantistů vyvíjí horlivou činnost propagační: 26. XII. 1906 uspořádal v měšťanské škole v Novém Městě n. M. veřejnou přednášku, na níž promluvil o otázce pomocného jazyka mezinárodního p. J. Knoulich; druhou

přednášku uspořádal dne 30. XII. 1906 v zasedací síni staré radnice náchodské. Původ, účel a rozvoj Esperanta vyložil četně shromážděným posluchačům p. J. Kajš, býv. tajemník klubu brněnského. Mnozí z účastníků přednášky zapsali se do nového kursu, který těchto dnů byl zahájen. — Odbor má v programu uspořádati řadu přednášek i v městech sousedních, čímž slibuje se státi činnou propagační korporací v Čechách.

**NÁCHOD.** Nova grupo de bohemaj Esperantistoj komencas energie propagandi per paroladoj. La 26. XII. 1906 raportis pri la demando de helpa lingvo internacia s-o J. Knoulich en Nové Město n. M.; kvar tagojn pli malfrue parolis en Náchod s-o J. Kajš, ekssekretario de klubo en Brno pri deveno, signifo kaj disvastiĝo de Esperanto. Multaj el ĉeestintoj partoprenas jam en la nova kurso. — La grupo intencas organizi serion da paroladoj en najbaraj urboj; ni povas tial prave esperi, ke ĝi fariĝos tre agema centro propaganda.

**ŘEČKOVICE** u Brna. Odbor brněnského klubu Esperantského byl založen 22. června 1906. Již během prvního roku činnosti byla pořádána přednáška, výlety a přátelský večer; letošního roku zahájeny nové kursy v místnostech školních: kurs pro začátečníky vede p. Ad. Veselý, pro pokročilé p. Fr. Charvát.

**ŘEČKOVICE** apud Brno. Sekcio de Esperantista Klubo en Brno estis fondita la 22. VI. 1906. Jam la unuan jaron estis aranĝitaj parolado, ekskursoj kaj amika vespero; nunjare oni malfermis novajn kursojn en ĉambroj de la lernejo: en kurso por komencantoj instruas s-o A. Veselý, en kurso supera s-o Fr. Charvát.

Týdenník „Komenský“ (Morava) zahájil pravidelné uveřejňování článků o postupu Esperanta v rubrice Pacifism a škola; rovněž „Volná škola“ otiskuje články podobného obsahu. Obě rubriky pořádá H. Alferi (Zdislavice-Humpolec).

Semajna gazeto „Komenský“ (Moravio) komencis raportadi pri sukcesoj de Esperanto en la rubriko Pacifismo kaj lernejo; ankaŭ la gazeto „Volná škola“ represas similajn sciigojn. Ambaŭ rubrikojn kondukas s-o H. Alferi (Zdislavice-Humpolec).

Gazetaro. „Rozhledy po lidumilství“ (Praha; ročník XIV. č. 9.): O hnutí esperantském mezi slepci. — „Časopis českých lékařů (Praha; ročník XLV. č. 49.): Anatomia vortaro kvarlingva (bibliografický posudek). — „Studentské Noviny“ (Praha; číslo 9.): Centjara festo de bohema teknika lernejo. — „Osvěta Lidu“ (Pardubice; 29. XII. 1906): „Esperanto“ (Feuilleton). — „Hlasy Pokroku“ (Kr. Dvůr n. L.; 5. I. 07): Zprávy o přednáškách esp. v Náchodě a v Novém Městě n. M. — „Žďár“ (Žďár; 2. II. 07): Esperanto, smír národů, sblížení lidstva. — „Nová Politika“ (Praha; 9. II. 07): Delegace pro zavedení pomocného jazyka mezinárodního. — „Volná

škola“ (Kr. Vinohrady; roč. II. č. 2.): Esperanto (Pacifism a škola). — „Národní Politika“ zmínila se o kongresu esp. dne 8. II. slovy: „V červenci bude letos třetí sjezd Esperantistů v Cambridge. Roku 1910 sjedou se v Praze zástupci Esperantistů z celého světa“. — Stálé rubriky o Esperantu obsahují: „Národní Obzor“, „Student“ (kurs), „Illustrované přednášky“.

## Cizi kronika.

**ANGLIE.** Hlavním bodem letošního programu Esperantistů anglických jest uspořádání třetího kongresu, jehož sídlem zvoleno město Cambridge. Z přípravných prací zahájených výkonným výborem (Dr. G. Cunningham, Kolonelo Dr. Pollen, H. B. Mudie), sluší zmíniti se o následujících: Městská rada v Cambridge vyhověla žádosti výboru pokud se týče propůjčení municipálních budov pro pořádání slavnosti; ano i senát university nabídl své místnosti účastníkům sjezdu (od 12. do 17. srpna), nevyjímajíc ani Debating Hall, kterážto čestná výjimka udála se posledně r. 1885! Základní jmění, jímž disponuje přípravný výbor, převyšuje již obnos 30.000 korun. — Daily Mail sděluje, že král Eduard přijal učebnice a slovníky Esperanta zaslané jemu autorem Dr. O' Connorem, jemuž vyslovil přání úspěchů. — „The British Esperantist“ zaznamenává (do konce r. 1906) 72 esp. klubů sdružených v The British Esperanto Association; z nich téměř polovina byla založena během posledních měsíců. — Dvanáct poslanců podepsalo žádost k parlamentu, jímž se tento vybízí, aby působil k navržení Dr. Zamenhofa za kandidáta Nobelovy ceny míru.

**FRANCIE.** Poslanec L. Cornet doprovázel k audienci u ministra vojenství předsedu Francouzské Společnosti pro šíření Esperanta L. de Beaufronta, předsedu esp. klubu v Lisieux A. Roseye a leutenanta Bayola, professora vojenské školy v St. Cyr, kteří žádali ministra o podporování návrhu týkajícího se zavedení Esperanta co vyučovacího předmětu ve Francii. Pokroky, kterých Esperanto doznalo ve vojště francouzském, jmenovitě po prohlášení generála Picquarta, že smějí býti zakládány vojenské kroužky esperantské a pořádány v nich přednášky, vyvolávají ohlas i v zemích ostatních; jak „Belga Sonorilo“ sděluje, zavedeno Esperanto i do programu vojenských škol amerických. — Výstava v Amiensu vyznamenala esperantskou sekci zlatou medailí. Rovněž výstavka esperantská v Roubaix-Turcoingu byla poctěna čestným diplomem. V Bordeaux bude Esperanto zastoupeno na výstavě námořnictví. — Téměř všechny kluby francouzské zahájily letošním rokem nové kursy vyučovací, podobně jako jest tomu i v ostatních zemích, leč nemůžeme, bohužel, o jednotlivých zde referovati. — Ústřední kancelář (Centra oficejo) v Paříži počala vydávati „Esperanta

Dokumentaro" dělící se v část officielní, historickou, bibliografickou (1. sešit obsahuje seznam všech dosud vydaných knih a brožur jednajících o Esperantu) a statistickou. První díl části poslední podává přehled sdružení esperantských dle stavu dne 1. VI. 1906. Dvakrát ročně bude tato část vydávána s opravami a doplňky, za kterouž příčinou vybízíme i naše spolky esperantské, aby zaslaly zprávy o změnách na adresu: Centra Esperanta Oficejo, Paris, 51. rue de Clichy.

**NĚMECKÉ** kluby esperantské: (založen 1903) Berlín, (1904) Brunšvík, Mnichov, Hamburg-Altona, Frankfurt n. M., N. Isenburg, Karlsruhe, (1905) Stuttgart, Göppingen, Břeclava, Jena, Barmen, Elbing, Halle, Mannheim, Lipsko (2), Merseburg, Wiesbaden, Magdeburg, (1906) Hanau, Drážďany, Kolín n. R., Nauheim, Villingen, (1907) Düsseldorf. — V Rakousku: (1904) Vídeň, Liberec, (1905) Brno, (1906) Eppan, Litoměřice, Št. Hradec, Zinnwald.

Kluby esperantské v **BELGII**: Antverpy, Verviers, Huy, Liège, Bruges, Laeken, Duffel, Brüxelles, Louvain, Lierre, Namur.

**ŠVÝCARY**. Druhý kongres Esperantistů pořádaný v Ženevě, měl veliký vliv na rozšíření Esperanta ve Švýcarsku. Četné přednášky a kursy jsou konány téměř ve všech větších městech; kluby, stávající již před kongresem, v Ženevě, Lausanne, Neuchâtelu, Zurichu, Bernu a Baselu, mají dnes dvojnásobný počet členů. V Ženevě vychází kromě švýcarského orgánu Esperantistů „Svisa Stelo" i vědecký měsíčník mezinárodní „Scienca Revuo", který vydává „Internacia Scienca Oficejo Esperantista". — Letošního roku vyšlo 1. číslo III. ročníku čtrnáctidenníku „Esperanto" (v úpravě novinářské); časopis, vedený novou správou, jest orgánem esp. konsulátů, o nichž zvlášť pojednáme. Politické přehledy, světová kronika, informace statistické a praktické činí časopis hodným doporučení. „Esperanto" možno koupiti ve všech francouzských, belgických a švýcarských nádražích. Současně s tímto vydáním, které obsahuje též jednu stranu zpráv čtyřjazyčných, vyšlo vydání bulharské. (Adresa redakce: 8. rue Bovy-Lysberg, Genève.)

**ITALIE**. Účinná propagace Esperanta v Miláně, vedená neunavnou šiřitelkou naší myšlenky pí. R. Junckovou, jeví se již v ustavení se klubu čítajícího přes 200 členů a v zahájení pravidelných přednášek v četných spolcích milánských: Circolo Filologico, Circolo femminile (ženský klub), Instituto dei Ciechi (ústav slepců), The Berlitz School, Associazione Impiegati (spolek úřadníků), obchodní škola a j. v. — „Unione Esperantista Lombarda" založena v lednu t. r. — U příležitosti jubilea kardinála Goti v Římě byl při slavnosti, jíž účastnilo se 15 kardinálů, přednešen proslov heberejsky, francouzsky a esperantsky. — Řadu přednášek o Esperantu pořádá monsignore Giambene v Akademii

Arkadia. — V Syrakusách založen nový spolek esp. po přednášce Fr. Favary v „Biblioteko Vittorio Alfieri".

**RUSKO.** Střediskem ruských Esperantistů jest petrohradský spolek „Espero", odbory jsou založeny v městech: Chabarovsk, Melitopol, Vladivostok, Moskva, Šuvalov, Tiflis, Pskov, Varšava, Ardatov, Vjatka, Jelc a na Jaltě. Orgánem těchto spolků jest časopis „Ruslanda Esperantisto", který přináší mimo jiné v každém čísle seznam článků uveřejněných ve všech ostatních časopisech esp. — Mezinárodní spolek studentů ustavil se v Petrohradě. — V Jenisejsku organisuje prof. Roman Frenkl světovou ligu učitelů za účelem propagování Esperanta mezi žactvem. — Odbor Esperantistů ve Pskovu vydává rukopisný měsíčník „Norda Stelo". — Předseda odboru v Melitopoli, T. A. Ščavinský, pracuje na velikém esp. slovníku encyklopaedickém. — „Societo Espero" vydala již přes 30 hudebnin esperantských: mezi nimi též hymnu Esperantistů. (Adr.: Societo Espero, Petrohrad, Bolšaja Podjačeskaja, 24.

**JAPONSKO.** V době necelého roku podařilo se prof. Gauntlettovi, průkopníku Esperanta v „zemi květů", soustřediti v „Japana Esperanta Asocio" přes 400 členů; kursu, zahájeného v Tokiu, účastnilo se 200 posluchačů, z nichž většina ovládá dnes Esperanto dokonale; zajímavou pro nás jest poznámka, uvedená v posledním čísle časopisu „Japana Esperantisto": Japonec, neznající žádné z řečí evropských, může si během jednoho měsíce Esperanto osvojiti. — Učebnice Esperanta byla nedávno vydána (cena 35 senů, čili asi 1 kor.); dík této nezbytné knize získalo již Esperanto v Japonsku velmi četných stoupenců, hlavně v řadách učitelských. Inspektor vyšších škol Kavaži zařadil Esperanto do programu školy v Sumoto. Profesoři Isobe, Abiko, Asada a Fužioka vyučují Esperantu v různých městech japonských. — Kdo z Čechů chtěl by navázat písemné styky s Japonci, nejvzdělanějším národem v Orientu, obrať se na E. Gauntletta (33 B. Kami Takažo Cho, Kanazava [Kaga] Japanujo), který ochotně zašle každému seznam členů asociace.

**INDIE.** „Gazeto Esperanta India „La Pioniro" jest orgánem těchto spolků esperantských: La esperantista societo de Indio en Calcutta, Esp. societo en Kathiawad, Kolar Gold Field Esperanto Club en Marikuppam, Klubo en Rawalpindi, Wellington Klubo. — Svaz „Malaja Esperantista Societo byl založen v Singaporu (Zadní Indie).

**PERU.** Vláda přijala návrh dvou poslanců, věnovati každoročně obnos 1500 K. esper. časopisu „Antaŭen Esperantistoj!", aby podporovala tím propagaci naší myšlénky. Ministr vyučování rozesílá 50 vědeckým společnostem jmenovaný časopis.

(Pro manko de loko ni devas prokrasti ĝis la tria numero diversajn interesajn novaĵojn el multaj aliaj landoj, en kiuj nia afero ne ĉesas kontentige progresadi.)

# Bibliografio.

Kiel bazon por tiu ĉi rubriko ni elektas katalogon de „Esperantista Klubo en Praha“; ĝia unua parto, enhavanta titolojn de du cent libroj, eliris je la fino de pasinta jaro. Multe da fundamentaj, malnovaj verkoj tie notitaj, ne trovos plu lokon en nia kroniko bibliografia, kiu estas difinita por libroj novaj, aperantaj.

Dr. Emile Javal: *Inter blinduloj.* Tradukis en Esperanton S-ino Jean Javal. 1907. Paris, Hachette & Cie. (XIV + 130 pĝ.). Prezo K 2·10.

Dr. Javal, membro de „l' Académie de Médecine de Paris“, elverkis libron, en kiu trovos la blindulo multajn informojn kapablajn faciligi lian malfeliĉon, kaj kiu instruos ankaŭ liajn amikojn, kiamaniere ili devos agi, por helpi lin kiel eble plej frate kaj efike. Ĉiu legos kun kortuŝeco la spertojn de okulkuracisto, de scienculo, kiu savis la vidon de centoj da personoj kaj kiu poste falis mem, ho ve! en la nigran profundegaĵon.

La blinda aŭtoro klarigas la kaŭzojn de la rapida disvastiĝo de Esperanto inter blinduloj, estante mem unu el la plej eminentaj kaj fervoraj Esperantistoj. Lia verko skribita en lingvo franca estas tradukita jam en Esperanton de S-ino Javal kaj en lingvon anglan de S-o W. E. Thomson.

Dr. Zamenhof (H. Jürgensen & M. Pagnier): *Wörterbuch Deutsch-Esperanto.* II. vermehrte Auflage. 1907. Berlin, Möller & Borel (277 pĝ.) Prezo 2 M (bindita M 2·50).

Hermann Jürgensen: *Wörterbuch Esperanto - Deutsch.* II. vermehrte Auflage. 1907. Berlin, Möller & Borel (VII + 248 pĝ.). Prezo 2 M (bindita M 2·50).

Ambaŭ libroj, kies dua eldono enhavas multe da novaj esprimoj ne enhavitaj en ceteraj naciaj vortaroj, estas plej bone rekomendataj per vortoj, kiujn skribis la aŭtoro de Esperanto mem: Pri ĉiuj vortoj, kiuj ne estas troveblaj en la verko „Fundamento de Esperanto“ devas decidi la Esperantistoj mem (kiom eble kun helpo de la „Lingva Komitato“). Sed se oni deziras scii, kian tradukon mi persone rekomendus por tiu aŭ alia vorto, kaj la ekzistantaj vortaroj en aliaj lingvoj ne donas klarigon pri tio ĉi, aŭ se ekzistas ia reciproka malkonsento inter la traduko de la sama vorto en diversaj vortaroj kaj oni deziras scii, kiun formon mi persone rekomendas elekti, — mi konsilas (ĝis la „Lingva Komitato“ donos alian decidon) serĉi en la vortaroj esperanta-germana kaj germana-esperanta, eldonitaj de la firmo Esperanto-Verlag Möller & Borel, ĉar tiuj ĉi vortaroj estas redaktataj de mi mem. L. L. Zamenhof.

Heřman Alferi: *Mezinárodní výchova a vyučování.* Nákladem Zemského Ústředního spolku jednot učitelských v království Českém. V komisi knihkupectví Josefa Rašína v Praze-VII. Cena K 2·10, váz. K 2·80.

Obsah spisu, seznamujícího českého čtenáře s moderními proudy mezinárodního vyučování, naznačuje jasně autor sám v předmluvě slovy: „Tento spisek dokazuje, že školství národní

přechází v nový hodnotnější typ školství mezinárodního, odkrývá znaky této nové školy světa a jejího učitele. Líčí, kterak moderní ethické proudy světové ovládají srdce i mysl vychovat lů světa, kteří však jsou nejen produktem svého prostředí, ale i také jeho určovatelem . . ." Dalším účelem knihy jest přispěti k zbudování pevného programu nové mezinárodní organisace všeho učitelstva „Mezinárodní úřad učitelských federací" (Internacia Ofico por geinstruistaj federacioj). Nejlepším prostředkem pojícím všechny učitele světa k společné práci jest, jak autor všestranně dokazuje, pomocná řeč Esperanto.

„Internacia edukado kaj instruado", verko tuŝanta precipe la boheman instruistaron, aperigas la modernajn direktojn de internacia instruado. Krom tio ĝi volas helpi la fondon de programo por „Internacia ofico por geinstruistaj federacioj". La aŭtoro pruvas, ke komuna laboro de ĉi tiuj povas sukcesi plej bone, se ili akceptos Esperanton por internaj rilatoj.

Prof. Dr. L. Couturat: *O jazyce mezinárodním.* Přel. J. F. Khun. II. vydání 1906. Tiskem a nákladem Edv. Leschingra v Praze. (35 pĝ.). Prezo 20 h.

Aŭtoro, Dr. Couturat, komitatano de internacia kongreso de filozofoj studantaj la problemon pri helpa lingvo, klarigas devenon kaj oficialan programon de la „Delegacio por alpreno de helpa lingvo internacia" kaj montras sian propran, senpartian opinion pri tiu ĉi lingvo — opinion, al kiu li venis post studado de ĉiuj proponitaj artefaritaj interkompreniloj. Multaj interesaj punktoj rekomendas la legindan tradukaĵon boheman, kiu estas dediĉita al pioniroj de nia ideo: Prof. Dr. Fr. Kameníček, Prof. Ing. V. Řehořovský, Prof. Dr. J. Sobotka, Prof. Dr. K. Zahradník, Prof. J. Dickstein, membroj de bohema akademio.

Hendrik Conscience: *Blinda Rozo.* Esperantigita de S-ino Edm. Van Melckebeke — Van Hove. 1906. Brugge, A. J. Witteryck. (52 pĝ.) Prezo 1 Fr.

Blinde Rosa estas unu el tiuj naivaj rakontoj de Conscience, plenaj je delikataj sentoj, kiuj igis la aŭtoron la plej popola inter la flandraj verkistoj. Bone elektis la tradukintino la verkiston kaj la verkon; ni aldonu, ke ankaŭ ŝia flua, dolĉa kaj agrabla stilo montras imitindan lertecon en uzado de nia lingvo por elverki tiel belan kopiaĵon de majstra originalo. Bedaŭrinde, foriris jam la aŭtorino el nia rondo, mortinte antaŭ la publikigo de sia libro kaj la filo devis fini la patrinan laboron; sed la memoron pri la bedaŭrata Esperantistino ĉiam vivigos ŝia laŭdinda verko.

A. P. Southee: *Gvidlibro por la vizito de Folkestone.* 1906.

Ilustrita libreto rekomendinda por kontinentanoj, kiuj, veturonte al tria kongreso Anglujon, devos trairi havenon de nomita urbo. La vojaĝan literaturon riĉigis krom ĉi tiu, ĵus nomita, ankoraŭ jenaj verketoj:

Geo. Higgie: *Kondukanto al belega Skotlando.* 1906. Higgie & Co. Rothesay, Glasgo. (30 pĝ.) Prezo 1 d.

Th. Hopf: *Tra berna Oberlando,* mallonga ilustrita gvidlibro al memoro de la dua Kongreso de Esperantistoj 1906. Eldonis Oscar Hopf, Thun, Svisujo. (26 pĝ.) Prezo 50 ctm.

# Telefono.

Toleremaj legantoj pardonos la redaktoron, ke li ne povis respondi ĉiujn simpatiajn leterojn per kiuj ili feliĉigis lin kaj sincere esprimis la favoran akcepton de nova revuo. Laŭ ebleco kaj per ĉiuj fortoj ni zorgos pri tio, ke ni ĉiam kontentigu niajn amikojn, precipe, ke ili ne havu kaŭzon plendi pri neregula elirado de la gazeto.

Kiom da spertaj bohemaj Esperantistoj konigis sin al nia redakcio, kiom da ili prezentis sin per leteroj esperante skribitaj! Interesis nin rimarko de kelkaj, aparte citita, ke ili preferas korespondadi kun ni esperante. Multaj el ĉi tiuj leteroj estus laŭvorte citindaj, ĉar plejparte ili traktas pri interesa temo: Kiel mi fariĝis Esperantisto? La skribintoj konfesas, ke ili mem apatie akceptis la unuan sciigon pri Esperanto kaj ke nur pli malfrue, post refoja ekaŭdo pri la lingvo, ili atentiĝis kaj informiĝis pri ĝi, kaj, eller ninte ĝin, ke ili estas hodiaŭ la plej fidelaj defendantoj de mirinda elpensaĵo pri kiu ili eĉ instruas novajn adeptojn.

El suprecititaj leteroj precipe la sekvanta estas koniginda:

Traleginte la „Rememorojn de l' Esperantistino" mi tuj rememoriĝis, ke ankaŭ mi estis antaŭ kelkaj jaroj en la sama situacio kiel la konatuloj de estimata aŭtorino, kiujn ŝi penadis akiri por Esperanto: ankaŭ min siatempe admonadis bela fraŭlino, ke mi lernu ĉi tiun lingvon. Sed mi bedaŭrinde ne atentis ŝiajn konvinkigajn vortojn, kaj, mi diros tion sincere, preferis la ĉielbluajn okulojn de la fraŭlino pli multe ol ŝian novan artefaritan lingvon, kaj baldaŭ mi forgesis la tutan aferon. Sed por ke neniu povu suspekti min, mi malkaŝas, ke ĉi tio ne okazis en Praha, sed en V. Meziříčí.

Pasis pli ol kvin jaroj, kaj subite mi ekaŭdis pri Esperanto. Unu el plej fervoraj ĉi tieaj disvastigantoj de Esperanto, veturinte fervoje kun mi, montris al mi lernolibrojn, vortaretojn kaj aliajn propagandilojn, kaj donis al mi malgrandan ŝlosilon de Ĉefeĉ, kiun mi enmetis en mian poŝon kaj kiun mi poste kunportadis preskaŭ du semajnojn, ne atentiĝinte pri ĝia enhavo. Post kelka tempo mi veturis sola; ne povinte ekdormi, enuante, mi rememoriĝis pri la ŝlosilo, kaj, elpreninte ĝin el la poŝo, mi komencis foliumi ĝin; sed baldaŭ mi komencis pli atente tralegi la malmultajn regulojn, la simplan gramatikon kaj Esperanto ekplaĉis al mi, mia scivolo estis vekita tiel, ke mi decidis aĉeti la lernolibron tuj post mia reveno hejmen. Kaj tiel fariĝis. Kvazaŭ por memorigi min pri mia peko, estis sur ĝia kovrilfolio en bohema lingvo skribita: „kondamnu nenion, pri kio vi ne konvinkiĝis detale" — kaj mi pente konfesis mian antaŭan pekon. Baldaŭ poste, refoje kunveninte kun mia antaŭecitita varbinto, mi jam ne nur komprenis lin, sed mi babiladis kun li. Kaj kvazaŭ mi volus rebonigi ĉion, kion mi preterlasis antaŭe, mi nun avide serĉis ĉion legindan, mi prunteprenis la haveblajn gazetojn, mem abonante kelkajn kaj mi eĉ ne kontentiĝis je ĉio ĉi tio, sed mi mem komencis „semadi".

Kiom da fojoj mi devas nun konvinkiĝi pri tio, ke oni bezonas multe da pacienco antaŭ ol oni sukcesas, ke la semo falu sur teron fruktodonan!

Domaĝe, centfoje domaĝe, ke mi preterlasis la unuan ĉielruĝon, ekbriletintan al nemortebla verko de nia majstro, domaĝe, ke mi tiam tiel malŝateme malatentis la admonojn de la bluokula amindulino! Kaj en mia memoro restas mi mem la plej timiganta ekzemplo de malŝatinto de Esperanto.

Bedaŭrinde, ankoraŭ nun, malgraŭ multe pli favoraj cirkonstancoj, centoj da semoj perdiĝas, antaŭ ol unu el ili alradikiĝas.

*Kribrileto.*

## „Bohema Mezzofanti" Čeněk Šercl mortis.

La plej fama scienculo de la tuta mondo panslava, lingvisto prof. Dr. Šercl mortis la 4-an decembron 1906. Lia nomo vekas en ĉiu klerulo rememoron pri lia vere legenda scio de ĉiuj lingvoj slavaj, modernaj kaj mortaj.

Li naskiĝis la 28-an septembron 1843 en Beroun; absolvinte la universitaton en Praha li forveturis Londonon kaj de tie li translokiĝis Rusujon, kie li havis okazon studi la lingvojn de nordaj popoloj. En jaro 1885 li fariĝis profesoro de universitato en Odessa. Dum sia vivo li eldonis multe da bohemaj kaj rusaj verkoj lingvistikaj.

Kiam li estis 23-jara, li firme decidiĝis plenumi ekzamenon el sciado de 40 lingvoj. Li atingis la elektitan celon kaj dediĉis sian tempon krom tio ankoraŭ al metoda komparado de afrikaj dialektoj kaj al studado de mimiklingvo de sudmutuloj.

Pri ĉi tiuj manieroj de interŝanĝado de homaj pensoj traktas ankaŭ unu el liaj famaj verkoj. Šercl multe ŝatis la sanskriton pri kiu li instruis kiel universitata profesoro en Rusujo. Pasigante lastajn jarojn de sia vivo inter Slovenoj li ellernis ilian lingvon, la 45-an en la vico de tiuj, kiujn li perfekte sciis. Por Esperantistoj restos neforgesebla kaj ŝatinda lia favora opinio pri ilia lingvo; la lingvistoj de la tuta mondo eterne estimos la nomon de unu el la plej gloraj scienculoj.

---

La fero. La statistiko instruas nin, ke oni produktis sur la tuta terglobo en jaro 1901 kvardek milionojn da tunoj de fero. Laŭ tiu ĉi numero oni ne povas juĝi facile pri la kvanto, kiun ĝi prezentas: la materialo sufiĉus ja por elforĝo de cilindro alta 7500 metrojn kaj larĝa 15 metrojn diametre. Oni povus forĝi el ĉi tiu cilindro tergloban ekvatoron (40.000 km) en formo de ringego, kiu estus dika unu decimetron kaj larĝa 13 dm. — Post 70 jaroj enhavos nia planedo nenian feron plu interne, se la bezono kaj uzado de fero kreskos proporcie.

*Kiu scias, ke li estas prava, sed ne kuraĝas diri la veron ĉar la ceteraj opinias alie, estas frenezulo kaj malkuraĝulo samtempe.*

# Informoj pri bohema nacio.

České oddělení rakouské výstavy v Londýně. — Všesokolský slet.

Bonega sukceso de la bohema sekcio en la aŭstria ekspozicio londona, aranĝita la pasintan jaron, estas jam rimarkebla en diversaj direktoj. La sekcio, kvankam ne tiel kompleta, kiel postulis ĝia signifo, tamen plenumis bone sian rolon: ĝi ekinteresis la anglan kontinenton pri Bohemujo. Plej grandan meriton pri tio havas grafo Lützow, senlace instruante anglan publikon pri ni per paroladoj kaj libroj. — Antaŭ kelkaj tagoj oni ludis en London la plej faman operon boheman: Prodaná nevěsta (La vendita fianĉino) de Bedřich Smetana; anglaj ĵurnaloj raportis tre simpatie pri tiu ĉi tradukaĵo, kiu riĉigis iliajn scenejojn. — Sukceson de bohema sekcio parte altiris ankaŭ la Esperantista Klubo en Praha, kiu publikigis per helpo de siaj fremdlandaj amikoj en diversaj gazetoj raportojn pri ĝi. Ateston pri tiu ĉi valora kunhelpo, kiun ricevis la klubo de ekspozicia komitato, ni prezentas la niaj legantoj sur antaŭa paĝo. Refoje estis pruvita la fakto, ke ankaŭ neesperantistoj, vidante grandegan profiton, kiun Esperanto alportas, mirigitaj per ĝi — subskribas aprobon de ĝia ŝatindeco. La klubo, kiu sen afabla kunhelpo de siaj fremdaj amikoj ne estus povinta helpi la gravan aferon, dankas al ĉiuj, kiuj tradukis ĝian raporton kaj publikigis ĝin en siaj ĵurnaloj; precipe ĝi memoras la samideanojn londonajn, kiuj aranĝis specialan ekskurson en la ekspozicion.

Je fino de junio 1907 okazos en Praha granda festo de gimnastikistoj, kiun ĉeestos krom bohemaj Sokol-oj multe da fremdaj, precipe francaj delegitoj. La festoj, ripetataj ĉiun kvinan jaron, certe postlasas ĉe partoprenintoj agrablan memoron pri impreso per kiu efikis la rigardo je miloj da gimnastikantaj junaj korpoj. Samideanojn, kiuj intencas vojaĝi nunjare, ni atentigas pri vizito de nia urbo dum tiu ĉi granda festo, kiam ili povos ĝui la malofta vidindaĵon.

*V. Riegel.*

---




POŠTKARTOJ kun apuda bildo, eldonitaj de nia redakcio, estas aĉeteblaj po 10 ekzempleroj (15 hel.), 25 ekz. (30 h), 50 ekzempleroj; (60 h), 100 ekz. (K 1·15) afrankite. Ni rekomendas al niaj amikoj la bonan propagandilon, kiu sekvas pro sia bona kvalito tre bone la celon.

**Adresaro**: Ni metas je dispono de ĉiu (eĉ neabonanto), kiu volas ion publike anonci, specialan lokon sur ĉi tiu kovrilo. Por enpreso de du linioj (nekomerca anonco) oni pagas 50 helerojn.

Dott. Achille Tellini, Udine S. Rocco; Italujo, interŝanĝas poŝtmarkojn kaj proponas siajn duoblajn ekzemplerojn de esperantaj gazetoj por tiuj, kiuj mankas en lia kolekto.

Gerardo Garcia, Navarra Tafalla, Escullas Pias, Hispanujo kolektas aŭstriajn poŝtmarkojn.

G. Leite Jun. Rio de Janeiro, Rua S. Francisco Xavier 117 A. Brazil korespondas per il. poŝtkartoj.

R. S. Waughan, Marikuppam, Mysore State. S. India, interŝanĝas poŝtmarkojn.

---

Eldonanto: Ed. Kühnl. — Presejo de K. Pitter, Praha.